


*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la kompleta enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:**
H. Bakker, Kastelenstraat 231, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020- 64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.

J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075- 616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:**
Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**
**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht. Tel. 0182 -37 40 58 aŭ 06-513 762 57 // <sekretario@esperanto-nederland.nl>.
**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 // <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072- 571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Poŝtkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND;
UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel. kaj fakso: 050- 57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeind:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>

## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de januaro. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektrona letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en “Word” aŭ “Wordperfect” estas bonaj.

Kompreneble ankaŭ “paperaj” kontribuoj estas bonvenaj.

## ENHAVO



## Ĉe PAĜO 1:

Frontpaĝa bildo ofte montras estraranon aŭ alian gravulon. Sed ni elektis Elza Retzlaff, kiu prizorgis la trinkaĵojn dum la kunveno en Nordwalde. Per ŝi ni volas honori la multajn simplajn helpantojn kiuj zorgas ke la maŝino de la movado bone funkcias, kaj sen kies helpo ĉiu laboro stagnas.

## DE LA REDAKCIO.

Jam en la jaro 1896 aperis broŝuro pri Esperanto en la nederlanda lingvo. En 1995 nia asocio re-eldonis ĝin, kaj neniu sciis ion pri la verkinto: Jac. M. Vaz Dias. Nun, kun iom da fiero, mi povas prezenti al vi informojn pri la vivo de la unua esperantisto en nia lando.

Kaj tion mi povas pro la miriga bonvola kaj aktiva helpo kiun mi ricevis, inter alie de multaj membroj de la portugal-israelida socio en Amsterdam.

## ALVOKO AL DELEGITOJ

UEA demandis min pri ŝanĝoj en la delegita reto por la Jarlibro 2008. Mi petas la nederlandanj UEA-delegitojn, fakdelegitojn kaj junulardelegitojn kontroli ĉu ilia adreso ktp en la jarlibro 2007 plu estas ĝusta. Se ne, bonvolu informi min.

Kees Ruig, Ĉefdelegito
Groesbeekseweg 53 / 6581 BJ Malden
tel./fakso 024 358 03 20

## MULTAN FELIĈON EN LA NOVA JARO

La redakcio kaj la estraro deziras al la legantoj sanon, feliĉon kaj prosperon en la nova jaro 2008. Ni faros nian eblon prezenti al vi agadoplenan jaron.

## STUDO-SEMAJFINO, marto 2008

vidu la informojn en paĝo 10

## ĜENERALA MEMBROKUNVENO 2008

**La ĝenerala kunveno 2008 okazos la 24-an de majo 2008 en Utrecht.**

**Proponoj:**
Se membro volas fari oficialan proponon al la ĝenerala kunveno 2008, li/ŝi devas sendi ĝin al la sekretario antaŭ la 24-a de januaro 2008. Tiun proponon devas subskribi minimume 5 membroj.

**Provizora tagordo:**
Protokolo de la ĝenerala kunveno 2007
Raportoj pri la agado kaj la financoj en 2007

**Proponoj**
- de la membroj kaj la estraro
- kotizoj 2009
- Buĝeto kaj laborplano 2008

**Elektoj**

**Jubileantoj**

**Verloren van Themaat-premio**

**La posttagmeza programo estas ne jam konata.**

## PRI NIA ASOCIO:

estraranoj, komisionoj, kotizoj....ktp:
Multaj informoj en paĝo 11

## LA ESTRARO KOMUNIKAS

La lasta estrarkunsido en 2007 okazis la 24-an de novembro. Pro la Malferma Tago (Centra Oficejo de UEA) kie i.a. rolis nia prezidanto, la kunveno estis en Rotterdam. La estraro traktis gravajn aferojn.

Inter tiuj ĝi priparolis:

-rekonsideron de la Statuto (sekve la Ĝeneralan Regularon). La sekretario, Alfonso Pijnacker, prezentis demandaron pri la plej tiklaj punktoj. Tio kaŭzis profundan diskuton pri diversaj eroj (precipe la artikoloj 9, 15, 20, 21, 22 kaj 27 estis konsiderataj en tiu diskuto). La fina konkludo: ne necesas nek indas proponi ŝanĝojn.

-daŭrigon de la informkampanjo ĉe urbaj komunumoj rilate al la nomdonado de Esperanto-/Zamenhofstrato. (Joke Hoobroeckx) -rerigardon al la semajnfino en Nordwalde. Pri ĝi ni konstatis ke estis sukcesa kunveno. Ni antaŭvidas alian tian kunvenon kun landnajbaroj.

La estraro invitis delegacion de NGGE (instruistoj de Esperanto). Kun ĝi ni traktis la neklaran staton pri instruado de Esperanto en Nederlando. Interkonsentite: NGGE faros paŝojn rilate al la inventaro pri nunaj ebloj rilate al ekzamen(iĝ)oj, ĝi starigos diskutliston kun koncernatoj. ESPERANTO NEDERLANDO traktos la temon kun IEI (vidu poste).

La estraro decidis prizorgi donacojn al la aliĝintoj de la 93a UK: bildkartojn pri Nederlando ni donacos. Krome faldfolion, kiun oni eldonas kadre de “Inburgeringscursus” (civitaniĝa kurso). La kontaktojn ni starigis kaj permeso pri traduko/eldono estas aljuĝita.

## RENKONTIĜO inter ESPERANTO NEDERLAND kaj IEI.

La estraro de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) invitis nin por konsideri la estonton de la katedro “Interlinguïstiek en Esperanto”. La docento en la katedro doktoriĝis antaŭ nelonge. IEI (kiu kontraktas kun la docento “Interlinguïstiek en Esperanto”) en baldaŭa estonto prezentos novan kontrakton al la lektoro.

ESPERANTO NEDERLAND ne rilatas la kontrakton. Ĝi ja subvencias la lekciojn, pagante iun sumon - kiun aprobis la membroj de la asocio. Tiel ĝi garantias la lekciojn. Ni parolis pri la estontaj horoj. “Esperanto” kiel lingvo kiun oni lernu, ne estis en la orginala studhoraro, ĝi aperos krome en la fruaj monatoj de 2008. Temo de interdiskuto estis: ĉu, kaj se jes kiel, prezenti universitatan kurson pri Esperanto. La kontakto inter la du estraroj estos daŭrigata,

Vi legos novaĵojn poste.

## DONACOJ al IEI.

La estraro de IEI konfirmas la ricevon de mondonacoj, kiuj ebligas instrui Esperanton en la Universitato de Amsterdam. Tiu kurso okazas ĉi-jare aparte de la katedro “Interlinguïstiek en Esperanto”. Ni mencias la enspezojn ricevitajn de IEI. Sen nomoj de la donacintoj, ĉar oni ne petis permeson anticipe. Temas pri ĉiuj donacoj en 2006 kaj 2007.
EUR 30,--; EUR 3.000,--; EUR 10,--; EUR 25,--; EUR 6,--; EUR 150,--; EUR 10,--; EUR 6,--; EUR 24,--; EUR 30,--; EUR 50,--; EUR 12,--; EUR 15,--; EUR 100,--; EUR 10,--; EUR 50,--; EUR 100,--; EUR 10,--; EUR 12,--; EUR 6,--; EUR 24,--; EUR 300,--. Entute EUR 4.130,00.
IEI tuj konfirmis la ricevon per letero al la donacintoj.
Nome de la Instituto kaj la docento koran dankon al ĉiuj donacintoj.

## 2008 = JARO DE LA UNIVERSALA KONGRESO EN NEDERLANDO

En 1908 fondiĝis UEA kaj aritmetikistoj inter vi konstatos ke UEA en la nova jaro fariĝas centjara. Por tion celebri, ĉiuj esperantistoj estas bonvenaj en la hejmurbo de la Centra Oficejo: Rotterdam. La 93-a Universala Kongreso okazos de la 19-a ĝis la 26-a de julio 2008. Unika okazo por revidi malnovajn geamikojn kaj konatiĝi kun pli ol 2000 novaj.

La kongresejo estos en la Borso (nuna nomo: WTC). Se vi volas partopreni, vi povas mendi aliĝilon ĉe UEA, aŭ printi ĝin per la retpaĝo <www.uea.org> . Tie vi trovos ĉiujn informojn pri la kosto de la aliĝo kaj pagmaniero, En la Dua Bulteno vi trovas informojn pri hoteloj, mendeblaj ĉe la loĝiga servo de UEA.

Espereble ĉiuj membroj de ESPERANTO NEDERLAND laŭ sia eblo profitos tiun ĉi unikan okazon! Ĉu vi ne estas membro de UEA? Fariĝu tuj membro-abonanto. Vi ricevos la interesan “Revuon Esperanto” kaj Jarlibron! (Jarkotizo: EUR 58,--, poŝtbanknumero 37 89 64, UEA, Rotterdam.)

## ELS KERVERS-VAN THOLEN



La 20-an de novembro 2007 post nelonga malsano mortis Els Kervers-van Tholen, aĝante 92 jarojn. Ŝiaj grandaj meritoj por Esperanto en Nederlando kaj en Afriko nepre estu memorigataj.
Ŝi kun sia edzo Harry loĝis en Hago kaj tie ege aktivis. Ekzemple, ĉirkaŭ 1957 la urba gazeto "De Posthoorn" lanĉis artikolon kun alvoko lerni Esperanton. La reago estis tiel eksterordinare multnombra ke la tuta esperantistaro de Hago devis kunlabori por servi la kursanojn. En la jaroj sesdekaj ŝi regule salutis nome de la landa asocio LEEN la kongresanojn en Universalaj Kongresoj. Ŝi aktive kunorganizis la Universalan Kongreson en Hago (1964). Tiam ŝi sukcesis atingi ke ĉiuj publikaj telefonbudoj en Hago klarigis la uzadon ankaŭ en Esperanto. Kun sia filino Henriëtte ŝi organizis la postkongreson en Epe.

Kelkajn jarojn poste Edwin Burg memoras:
"Fine de la sesdekaj jaroj de la pasinta jarcento, Edwin Burg decidis post interesa informvespero de la Haga Sekcio de LEEN partopreni Esperanto-kurson de Els Kervers. La kursoj okazis en la domo de la geedza paro Els kaj Harry Kervers, kiu troviĝis en la Haga kvartalo "Statenkwartier". Je la unua kunveno frapis min ke la geedza paro daŭre interparolas nur esperantlingve kaj ŝajne ili per tio sukcesas bone interkompreniĝi en tiu laŭdire nur "artefarita lingvo". Pro tio mi tuj entuziasmiĝis kaj tiu entuziasmo por ĉi tiu lingvo neniam forlasis lin."
Li rememoras ŝin kiel firmdecidan virinon kun forta volo, kiu de tempo al tempo subite povis laŭte kaj elkore ridi.
Aliflanke ŝi elradiis prestiĝon kaj superecon, kiun ŝi, por la bono de nia movado, de tempo al tempo kaj laŭkaze sukcesis utiligi en kontaktoj ekz. kun stultaj ĵurnalistoj, aŭ arogantaj komunumaj oficistoj ktp. Li kuraĝas diri ke ŝi dediĉis sian vivon plejparte al Esperanto.
Poste ŝi ekloĝis en Suda Limburgo, kie ŝi inspiris la lokan Esperanto-vivon kaj kunorganizis trilandajn kunvenojn. Dum dekoj da jaroj ŝi instruis al Afrikanoj kaj korespondadis kun ili. Inter ŝiaj lernantoj estis Gbeglo Koffi (en 1984), kiu poste dediĉis ĉiujn siajn fortojn kaj talentojn al la afrika agado de UEA kaj ĝis nun elstaras en tiu kontinento. Ŝi vojaĝis en 1991 kun siaj filino kaj nepo al Benino kaj Niĝerio. Iuj spertoj en Niĝerio forte ŝokis ŝin, sed ŝi ne rezignis pri la agado. Nur la lastajn jarojn ŝi ne plu povis aktivi. Ŝi ekloĝis en Naarden, pli proksime de siaj filinoj Henriëtte kaj Mirjam. La morto de Henriëtte en aprilo 2005 estis granda bato por ŝi.
Elstara virino forpasis.

Hans Bakker

La bildo: Els Kervers en la 50-aj jaroj...

## ESPERANTO PUBLIKE

'Een bijzonder concert op een bijzondere plaats met koorzang in een bijzonder taal: ESPERANTO.' ("Eksterordinara koncerto en eksterordinara loko de koruso kiu kantas en eksterordinara lingvo: Esperanto.") Tiu ĉi slogano aperis antaŭ eksterordinara dato (la 11-a de novembro, 11-11) en diversaj gazetoj de la regiono Alkmaar. Nome, en "Contact", gazeto de Warmenhuizen, 10-11-2007, en "Agenda Schager Courant" 10-11-2007, en la gazeto "Schagen op zondag", 11-11-2007, kaj en Radio Noordholland la matenon de 11-11. Je tiu dimanĉo 11-11 la koruso Malvo prezentis sian repertuaron en la preĝejo de Eenigenburg. Marijke Lathouwers kaj Anne van den Berg laŭeble diskonigis tiun sinprezenton - kun sukceso.

(raportis Ans Heijstra).

Uzante la saman manieron (kapti okazon) Jos Wichmann skribis: "Hodiaŭ, la 16-an de oktobro, mi partoprenis ludon per radio 5, Café Cooijmans. La prezentisto demandis ĉu mi estas membro de iu asocio. Mi tuj kaptis la okazon rakonti pri Esperanto kaj menciis la retpaĝon de ESPERANTO NEDERLAND."
En Leeuwarden la semajna gazeto "Huis aan Huis" la 10-an de oktobro plibeligis sian frontpaĝon per granda titolo "Zamenhof gaat tijdelijk naar Stadskantoor". La artikolo, kun bildo pri la statuo de Zamenhof, klarigas ke temas pri renovigo de la parko kie la statuo hejmas. Dume, ĝi sekure gastos en la urbdomo.
En "Algemeen Dagblad" de la 3-a de novembro aperis listo de laŭmodaĵoj en la pasintaj jardekoj, laŭ alfabeta vicordo de A (Afghaanse jas) ĝis Z (Zitzak). Ankaŭ Esperanto estis menciita, kun la "klarigo": Klopodo el 1887 por fratigi tutan planedon per nova mondlingvo. Rimarkinda ekzemplo de la idealismo de Pola okulisto kaj multlingvulo Lejzer Zamenhof kiu publikigis sub la pseŭdonomo D-ro Esperanto, kio signifas "persono kiu esperas".

Hans Bakker

## DONACOJ AL ESPERANTO NEDERLAND

La enspezoj de ESPERANTO NEDERLAND konsistas el kotizoj sed feliĉe ankaŭ el donacoj. Ĉu vi estas scivola kiuj donacas kiom?
La diskreteco ne permesas respondi la demandon, sed almenaŭ unu mecenaton nia asocio havas. Li duobligas la donacojn por la informado, ĝis maksimumo de 600 eŭroj en unu jaro.
Jen la rezulto de 2007 ĝis nun:

| | | |
|---|---|---|
| Januaro | ĝenerala kaso | 358,20 |
| | Informado | 720,00 |
| Februaro | ĝenerala kaso | 110,90 |
| | Informado | 120,00 |
| Marto | informado | 120,00 |
| Aprilo | informado | 120,00 |
| Majo | ĝenerala kaso | 41,40 |
| | Informado | 120,00 |
| Junio | ĝenerala kaso | 2,50 |
| | Informado | 720,00 |
| Julio | ĝenerala kaso | 5,00 |
| | Informado | 120,00 |
| Aŭgusto | informado | 120,00 |
| Septembro | Informado | 120,00 |
| Oktobro | Informado | 120,00 |
| Novembro | Informado | 120,00 |

Tiu, kiu pagas pli ol 1% de siaj enspezoj al "bona celo" ne pagas imposton de siaj enspezoj pri tiu plio. Kiu ne volas enkasigi tiun rabaton, donacante al bona celo?

## WER LÄUTET DRAUSSEN AN DER TÜR? (THEODOR KRAMER 1897-1958)

Wer läutet draussen an der Tür?
kaum das es sich erhellt?
Ich geh schon, Schatz.
Der Bub hat nur
die Semmeln hingestellt.

Wer läutet draussen an der Tür?
Lass ruhig die Wanne voll,
Die Post war da; der Brief ist nicht
dabei, der kommen soll.

Wer läutet draussen an der Tür?
Bleib nur, ich geh, mein Kind.
Es war ein Mann, der fragte an
beim Nachbar, wer wir sind.

Wer läutet draussen an der Tür?
Leg du die Betten aus.
Der Hausbesorger war's; wir solln
am Ersten aus dem Haus.

Wer läutet draussen an der Tür?
Die Fuchsien blühn so nah.
Pack, Liebste, mir mein Waschzeug ein
und wein nicht; sie sind da.

Kiu sonorigas ĉe la pordo ekstere?
post kiam apenaŭ eklumiĝas?
Mi jam iras, karulino.
La knabo nur metis la bulkojn.

Kiu sonorigas ĉe la pordo ekstere?
Plenigu trankvile la bankuvon.
La poŝto estis tie, la letero kiu
devas veni ne estas.

Kiu sonorigas ĉe la pordo ekstere?
Restu, mi iras, mia karulo.
Estis viro kiu demandis ĉe la najbaro
kiuj ni estas.

Kiu sonorigas ĉe la pordo ekstere?
Sternu vi la litojn.
Estis la pordisto, ni foriru
kiel la unuaj el la domo.

Kiu sonorigas ĉe la pordo ekstere?
La fuksioj floros baldaŭ.
Enpaku por mi, karulo, miajn lavotaĵojn
kaj ne ploru; ili estas tie.

**Interpreto**

La viro en la poemo trankviligas la virinon kaj kuraĝigas ŝin. Li ne lasas sinminactimigi pro la sonorigo ripetfoja kaj tuj li decidas rekomenci denove aliloke. Tiel la printempo ĉiam montras al ni. Doni esperon signifas ĉi tie: akcepti la minacon kaj la decidadon foriri, kondiĉe ke vi kapablas postlasi la akiraĵon.

Lic. Jilde Stern-Agema

## SUNFORNOJ por FANDI PLASTON.

Plastaj forĵetaĵoj, malnovaj boteloj kaj alia rubo en afriko abundas. Estus utile fari el ili novajn produktojn.
Rick Claassen inventis sun-formon, per kiu oni povas fandi ilin, kaj reuzi la materialon por ŝu-plandoj, tegoloj por tegmentoj aŭ tuboj por kloakoj. Helpe de privata klubo li instruis la metodon al homoj en malriĉa regiono en Kenjo.
Ankaŭ en la distrikto Marambeke en la najbara Tanzanio, kie Mramba Simba estas estro, trio estus ege utila, unue por "purigi" la regionon, kaj due por doni enspezojn al la homoj.
Tamen: kiel organizi tion? Al mi absolute mankas la tempo kaj la energio por tio, kaj ni vere ne scius kiel komenci.
Tial mi ĉi tie prezentas la ideon al vi, eble inter la legantoj estas iu, kiu scias solvon...
Informoj pri la projekto estas troveblaj en interreto. Se iu el vi havas ideon, mi volonte raportos pri tio en ĉi tiu revuo. - Ko Hammer

## RIMARKINDAJ NOVAJ APERAĴOJ

Ĵus aperis la nederlanda traduko de "Esperanto per rekta metodo" de la redaktoro de la revuo "Esperanto", Stano Mar…ek: "Esperanto via de directe methode", kiun komune tradukis Jeanette Bosse, Marije van Erp, Luc van de Hoek kaj Rob Moerbeek kaj zorge kontrolis Heidi Goes. La prezo 7,50 eŭroj por la 114-paĝa libro, kiun ĉarme ilustris la filino de Stano, Linda Mar…eková, validas ankaŭ por la 13 aliaj nacilingvigoj: tiu internacia uzeblo formas sendube gravan rekomendon. Stano mem prezentis sian serion okaze de la malferma tago de la Centra Oficejo de UEA, la 24-a de novembro. Ĝin kompletigas du iom kostaj kartonvalizetoj kun po 250 desegnaĵoj el la libro, aparte uzeblaj por konversaciigo, kaj pluraj komputildisketoj kun la tuta teksto, ankaŭ aŭdebla. La materialo ja spegulas la slovakan fonon (kun "kronoj" anstataŭ "eŭroj", Bratislava kiel ĉefurbo …), sed ja rekta metodo implicas ankaŭ adapton al la loka situacio. Evidente la libro celas unualoke infanojn (kaj samfamilianojn), kiuj do povos kolorigi la bildojn.
La rektan metodon subtenas zorga kompono de la materialo kaj la bildoj. Kaj se la bildo ĉe "Petro staras sur la planko" (p. 13) povus misinterpretiĝi pro la "falsa amiko", sen-instruistan studon ebligas la vortolistetoj kun nederlandigo de la numeritaj vortoj (kaj gramatikaĵoj) finantaj ĉiun el la 22 lecionoj. Gramatikaj klarigoj mem en la lecionoj estas plejeble simpligitaj. Diligentuloj povas lerni 784 vortojn, trione tuj rekoneblajn kaj duone nerekte (tra la angla aŭ franca) konatajn.
Kaj kiuj vidos nur la eksteraĵon, almenaŭ povas kapti "Saluton!" Nia tasko: helpi ilin bone prononci!

**Ĉu vi jam aliĝis al la venonta Studo-semajnfino ?**
**Vidu la informojn en paĝo 10 !**

## FERDINAND HODLER - EKSPOZICIO

Mi informu vin ke vi - se hazarde vi havos la okazon - vizitu Parizon. Tie unu el viaj celoj estu la muzeo d'Orsay.. En ĝi troviĝas ekspozicio de portretoj kaj pejzaĝoj, faritaj de la Svisa pentristo Ferdinand Hodler. Ĝis la 3-a de februaro vi povas ĝui tiun ekspozicion.

Informojn pliajn vi trovas ĉe <www.musee-orsay.fr>

Parenteze:

Eĉ se vi ne havos la okazon admiri la ekspozicion, memoru ke UEA daŭre flegas la heredaĵon de la filo de Ferdinand Hodler: nome la Bibliotekon Hector Hodler.

Memoru ke UEA (vi) agnoskis grandan sumon el sia kapitalo por aktualigi tiun Bibliotekon, kiun ĝi heredis de unu el la fondintoj de UEA. UEA flegas tiun heredaĵon tiel ke en baldaŭa estonto ĝi estu deca bazo por sciencaj esploroj, klerigaj seminarioj kaj aliaj studoj laŭ alta intelekta nivelo. Nivelo, kiu servas al la esperantistaro ("la Esperanto-movado") kaj al pli ĝenerala publiko.

Se - hazarde - vi opinias ke tiuj renovigaj laboroj meritas vian financan subtenon, vi ne hezitu transkontigi donacon al la konto de UEA. Tiam vi bonvolu mencii: Biblioteko Hector Hodler.

La ĝenerala kontnumero de UEA estas Postbank 37 89 64

Sincere al ĉiuj legantoj,

Ans Bakker-ten Hagen,
komitatano A por Nederlando,

## PSI - PRINTEMPA SEMAJNO INTERNACIA estas granda internacia renkontiĝo por la tuta familio.

Por la 24-a PSI, de la 21-a ĝis la 28-a de marto 2008 ni atendas 150 partoprenantojn el 15 landoj, el kiuj triono estos infanoj diversaĝaj. Kvankam ĝi estas precipe familia seminario, ankaŭ unuopuloj estas bonvenaj.
La buntan programon vi trovos per
http://www.esperanto.de/psi, aŭ vi povas peti paperan informfolion del: Germana Esperanto-Asocio,
Jörg Gersonde, Hermann-Wäschke-Str.31,
DE-06366 Köthen,
Tel. 0049 3496 558517, fakso 0049 18050 5511002972.

## RETA RENKONTIĜO:

Betty Chatterjee (Danio ) skribis :
Antaŭ naŭ monatoj mi konatiĝis kun esperantisto en Maroko pere de Skype. Li ne konas aliajn samideanojn en sia regiono, li mem lernis la lingvon pere de koresponda kurso kaj li povas praktiki la lingvon nur pere de la retaj kontaktoj.
Li mem ne posedas komputilon; li devas piediri 8 kilometrojn al la bushaltejo por poste veturi 26 kilometrojn al la plej proksima urbo, Beni Tajjit, en kiu troviĝas retejo. Mia amiko nomiĝas Boughoud Si Abdelkrim, sed li simple subskribas siajn mesaĝojn kiel Karim.
Li estas instruisto kaj alte taksas siajn berberajn lingvon kaj kulturon, kiujn li dividas kun siaj lernantoj. Karim egale estimas Esperanton. Antaŭ du monatoj li komencis instrui Esperanton al siaj lernantoj; Esperanto signifas al li la esperon por la estonteco, ne nur por li mem, sed ankaŭ por la infanoj.
Boughoud Si Abdelkrim kaj la infanoj en tiu ĉi vilaĝo meritas nian apogon.Tre plaĉus al Karim kaj liaj lernantoj, se vi sendus al ili kuraĝigajn leterojn kaj poŝtkartojn.
Jen lia adreso :
Si Abdelkrim Boughoud /
Ait Sbaa Elkadima / CP/61100, Beni Tajjit, Maroko.
<www.boughoud.blogspot.com>

## SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO, LEUVEN

Kiel en ĉiu para jarnombro, Esperanto 3000 ankaŭ en februaro 2008 organizos la tutlandan feston okaze de la Semajno de Internacia Amikeco ( "SIA") en Leuven.
Aldone, Unuiĝintaj Nacioj deklaris 2008 la Jaro de la Lingvoj. La temo de la ĉi-jara SIA pro tio estas: « Fabeloj en la UN-Jaro de la Lingvoj »

Jam rezervu la daton:
sabaton la 23-an de februaro 2008
Vi estas bonvena ekde la 9-a horo en la Kultura Centro "Romaanse Poort", Brusselse straat 63 en Leuven. Ekde la 10-a horo komenciĝos la ĝenerala kunsido de Flandra Esperanto-Ligo, distra programo kaj serĉpromeno en la urbocentro. Tagmeze vi povas surloke partopreni en la abunda panbufedo je 5 EUR.
Je la 14-a komenciĝos la posttagmeza programo.
La ĉefplado posttagmeze tamen estas la

### LINGVA FESTIVALO

Ĝi okazos unuan fojon en Leuven, en la nederlanda kaj samloke. Por partopreni en la prelegoj necesas antaŭpagi po EUR 3 por persono. Estas limigita nombro de partoprenantoj, ni atendas tre rapide atingi tiun limon! Do nepre tuj aliĝu (vidu malsupre), se vi volas partopreni en tiuj prelegoj.
Okazos ekspozicioj pri fabellibroj en pli ol 30 lingvoj kaj pri la prezentataj lingvoj, libroservo en Esperanto kaj precipe pli ol dek prelegoj pri diversaj lingvoj.
Vespere ĉiuj kune partoprenos la abundan bufedon (je EUR 12) kaj rerigardos la tagon en fotoprezentado.
Aliĝi: en la menciita retejo maldekstre elektu "Aliĝu". Aŭ sendu viajn nomon, e-adreson (prefere ankaŭ poŝtan adreson) al <info@talenfestival.be>. Aŭ al Esperanto 3000, Karekietenlaan 14, 3010 Leuven (Kessel-Lo). Indiku (sen devigo, nur por ĝuste asigni lokalojn) la lingvojn kiujn vi preferas ĉeesti.

## VIZITU MARTIGUES 2008

Francaj esperantistoj kongresos en la suda Francio, oriente de Marseille de la 8-a de majo ĝis la 12-a. La urbeto Martigues estis nomita "Provenca Venecio" ĉar ĝi situas sur kanaloj, ĉe la Mediteraneo. Sed avantaĝo por vi estas, ke ekzistas rektaj malmultekostaj flugoj de Eindhoven al Marseille-Provence.
Ni proponas al vi interesan programon, kiun vi povos legi sur la reto ekde la 6-a de decembro ĉe <http://esperantomartigues2008.unblog.fr>
Por la Organiza komitato, la ĉefdelegito de UEA por Franio, Renée Triolle
<triolle.renee@wanadoo.fr>

## JACOB M. VAZ DIAS: LA UNUA NEDERLANDA ESPERANTISTO.

En la historio de la nederlanda Esperanto-movado estas kelkaj nomoj kiuj estas tre konataj: G.P. de Bruijn, Frits Faulhaber, Inĝ. J. Isbrücker, Dreves Uitterdijk, Frato Wigbertus van Zon... kaj ili ĉiuj postlasis siajn spurojn en la movado. Uitterdijk fakte estas la patro de la nederlanda movado, sed la unua esperantisto en nia lando li ne estas.
Tio estas amsterdama profesoro pri matematiko kaj klasikaj lingvoj Jacob (filo) de Mozes Vaz Dias. Malfeliĉe ni tamen devas konstati ke li postlasis preskaŭ neniun spuron en la nederlanda movado, escepte de broŝuro, kiu eldoniĝis en la jaro 1896. Laŭ lia nomo oni facile komprenas ke li estis membro de la socio de "portugalaj" judoj en Amsterdam, la "sefardim".


Jac. M. Vaz Diaz.

**La portugal-israelida socio.**
Kiam ĉ. 1500 en Hispanio komenciĝis la persekutoj de la judoj , multaj el ili fuĝis al Portugalio. De tie ili poste elmigris al multaj landoj kaj pluraj el ili venis al Amsterdam. Kvankam ili originis el Hispanio, ili iĝis konataj kiel portugaloj, kredeble pro la fakto ke la titolo "hispana" ne estis tre pozitiva en lando, kiu tiam batalis kontraŭ la hispanoj.
En la urbo ili jam baldaŭ havis grandan sinagogon, apud kiu nun situas la juda muzeo. Al la sinagogo apartenis seminario por rabenoj, Ets Haim, Arbo de l' Vivo.

**Jacob de Mozes.**
En 1841 en Nieuwe Kerkstraat naskiĝis ĉe la tajloro Vaz Dias la filo Jacob de Mozes. Li iĝis lernanto de la seminario, bonega, tamen ankaŭ malfacila. Pro tio li devis forlasi la seminarion en la jaro 1867. Li laboris kiel instruisto de klasikaj lingvoj.
En 1869 li edziĝis al sia kuzino Rebecca de Jacob Vaz Dias, kaj ili ekloĝis en Weesperstraat, tiutempe grava strato en la juda kvartalo.
En 1873 li akiris la unuan oficialan nomumon kiel instruisto pri klasikaj lingvoj ĉe kvar mezlernejoj por knabinoj. Kaj en 1874 li transloĝiĝis al domo en nova kvartalo, Maarten Jz Kosterstraat.
En 1875 li revenis al la seminario, nun kiel instruisto de matematiko, flanke de sia laboro en la mezlernejoj kaj privata instruado, kaj tiun postenon li havis ĝis 1903.
Li estis ne vere riĉa, tamen sufiĉe bonfarta. En la registroj por la sinagoga imposto li apartenas al la plej alta klaso, kiu enspezis pli ol 2000 guldenojn jare. Pro tio li devis pagi imposton de 13,50 guldenoj.
Intertempe li denove ekstudis matematikon, kaj speciale tiun branĉon, kiu necesas por asekuroj. En 1897 li akiris postenon kiel aktuario ĉe la "Vennootschap Nederland", kaj kiam fondiĝis la asekura kompanio "De Hoop", li labiris laboris tie. Li estis specialisto pri "popola asekuro", pri vivo kaj malsaneco ĉe "ordinaraj homoj" kaj estis tre estimata inter siaj kolegoj. Li verkis plurajn libretojn pri sia fako, ofte en la germana, kaj ankaŭ ofte prelegis. En 1906 li verkis tekston por la internacia kongreso de aktuarioj en Berlino: "Die Volksversicherung, insbesondere die Versicherung von Kindern in Holland" (La popola asekuro, speciale la asekuro de infanoj en Nederlando).

**Esperantisto**
Dume li iel konatiĝis kun Esperanto. En la unua Esperanto-revuo "(La) Esperantisto", kiu eldoniĝis en Nurenbergo, ni trovas lian nomon en la unua numero de la sesa eldonjaro, la 15-an de januaro 1895, en paĝo 13. En listo de novaj esperantistoj ni legas ĉe numero 2294: Jac M. Vaz Dias, Maarten Kosterstraat 1, Amsterdam.
En majo-junio 1895 la revuo ne plu povas aperi pro malpermesoj kaj cenzurado en Ruslando. Sed en la lasta numero troviĝas listo de abonantoj. Montriĝas ke en Nederlando estas unu abonanto, denove Jac. M. Vaz Dias, "Marten Janz Kosterstraat 1", Amsterdam.

**La unua nederlanda broŝuro**
Alia problemo por la revuo estis la fakto ke la germana termezuristo Trompeter en Schalke, kiu dum multaj jaroj finance subtenis ĝin, ne plu volis kontribui al ĝi. Tial la centro de la Esperanto-movado dum kelkaj jaroj estis Svedio, kun interalie tre aktiva grupo en la urbo Upsala. Tie aperis en 1896 numero 97 en la tiama listeto de libroj pri Esperanto: "Korte brochure over de internationale taal Esperanto", verkita de Jac. M. Dias. Ĝin eldonis Upsala Nya Tidnings A.-H., kaj ĝi estas traduko de franca ekzemplo, kiun verkis De Beaufront.
Malfeliĉe tiu broŝuro estas la nura videbla signo kiu restas pri la rilato inter Jacob kaj Esperanto. Sed eble inter la homoj, kiuj en 1905 fondis la nederlandan Esperanto-unuiĝon, estis kelkaj, kiujn lia broŝuro varbis. Ni neniam scios...
En 1995 la asocio ESPERANTO NEDERLAND re-eldonis la broŝuron kun enkonduko de Lic. Gerrit Berveling, en 500 ekzempleroj.
En 1903 Jacob de Mozes ĉesis labori ĉe la mezlernejoj, kaj en 1909 li ankaŭ eksiĝis ĉe la asekuraj kompanioj. Post longa malsano li mortis la 3-an de majo 1909. Li estis enterigita en Beth Haim, Domo de l'Vivo, la portugal-israela tombejo en Ouderkerk aan de Amstel. Li postlasis edzinon kaj sep infanojn, el kuj kelkaj estis viktimoj de la nazioj dum la germana okupado inter 1940 kaj 1945.
Nepo, Jacob de Jacob, verkis libreton pri la historio de la familio, kiu eldoniĝis 2002, ĉe Pirola, Schoorl.
JKH, nov 2007

- - - **Dankon**. Por ĉi tiu artikolo mi ricevis bonvolan helpon de kelkaj parencoj de Vaz (aŭ Vas) Dias, speciale de S-ino E. Postema-Vas Dias; de la fondaĵo "Cultureel Erfgoed" de la Portugal-israelida Socio; de D. Ouderdorp, administranto de la tombejo Beth Haim; de IISG/ Persmuseum Amsterdam, kaj de la ttt-ejo "AKEVOTH".

## LA TOMBO de VAZ DIAS

La tombŝtono estas simpla kuŝanta ŝtono, kiu troviĝas en la kampo 1892, vico E7, loko 76. Ĝi estas kovrita de blankecaj krustoj, kaj la teksto estas malbone legebla. Tamen ni facile povas kompreni ĝin:

"Ĉi tie ripozas / la materiaj restaĵoj / de / Jacob van Mozes / Vaz Dias / mortinta 12 ijar 5669 (laŭ karto en la arkivo) / 3 mei 1909 / en la aĝo de 67 jaroj."

Sekvas la literoj: Z A R I V - Ili ofte aperas sur ŝtonoj el la 19-a jarcento kaj signifas: " Zijne assche ruste in vrede", "Liaj cindroj ripozu en paco".

Dum la jarcentoj multaj ŝtonoj sur la tombejo sinkis en la molan torfan grundon. Nun oni levas ilin kaj remetas ilin sur la ĝusta nivelo. Kelkajn historiajn tombojn oni restaŭris, sed por prizorgi ilin ĉiujn mankas la mono.

La tombejo Beth Haim troviĝas Kerkstraat 10, en la vilaĝo Ouderkerk aan de Amstel, iom sude de Amsterdam.

## JOSEPH BICINGINI APASA FARTAS BONE.

La unuaj semajnoj en Bydgoszĉ estis ege malfacilaj por Joseph. Montriĝis ke la estro de la Studumo ŝajne havas alian opinion ol mi kiel plenumi promeson. "Inter diro kaj faro estas maro". Sed intertempe ni sukcesis transiri la maron, almenaŭ ni preskaŭ atingis la transan bordon. Granda parto de la (al la studumo) sendita poŝmono estas elpagita al Joseph kaj la restanta parto sekvos post nelonge. Mi kore dankas al Osmo Buller, al Els ten Hagen kaj precipe al Hans Bakker por ilia helpo.

Joseph nun posedas iom da mono kaj pro tio li ne plu estas devigita resti "hejme" dum la semajnfinoj. Antaŭ nelonge Joseph sendis mesaĝon pri siaj semajnfinaj travivaĵoj:

"La lastan semajnfinon mi estis ekster Bydgoszcz. Iuj homoj invitis min iri kun la junularo de ilia eklezio por semajnfinaj ferioj en "Mogilno", urbeto duonvoje inter Bydgoszcz kaj Poznan. La kotizo estis Zlotoj 100, sed al "malriĉuloj" kiel mi, oni proponis pagi nur modestan parton de tiu sumo.

Partoprenis la feriojn multaj gejunuloj, ĉefe el Usono, Norvegio kaj Anglio. Mi estis la nura el Afriko.

Dum la tri tagoj ni ludis, sportis, kantis, dancis, manĝis, trinkis, babiladis k.t.p. Post longa tempo mi denove povis futbali kaj ludi retpilkon. Ŝajne mi tro fervore sportis, ĉar post la reveno en Bydgoszcz miaj brakoj tre doloris kaj preskaŭ nenion mi povis fari dum kelkaj tagoj. Mi demandis ĉu mi petu kuracistan helpon, sed afrika knabo el Kenjo, kiu loĝas en nia studenta domo kaj studas kuracadon en loka universitato, klarigis al mi ke mi ne estas malsana, sed nur malbonfarta. Li diris ke mi ripozu kaj mi komplete resaniĝos. Feliĉe li pravis kaj iom post iom mi "resaniĝis".

Mi travivis kelkajn agrablajn tagojn kaj mi volonte denove partoprenos tian semajnfinon. Mi renkontis dekojn da gejunuloj el diversaj landoj. La eklezio kiu organizis ĉi tiun semajnfinon, estas anglalingva kaj pro tio ni ĉiuj parolis angle. Tiaj eklezioj tre raras en Pollando."

Joseph / Luit Staghouwer

## TUTLANDA KUNVENO PRI INSTRUADO

Kiel menciite en la antaŭa Fen-X, NGGE invitas interesitajn al TUTLANDA KUNVENO PRI INSTRUADO, la 12-an de januaro. Ni volas priparoli niajn rimedojn kaj mankojn, kun aparta atento al la internaciaj ekzamenoj dum la Universala Kongreso en Roterdamo (9 – 16 julio). Ĝojigas, ke Roel Haveman kaj Arjen-Sjoerd de Vries pretas prezenti ĝuste tiujn internaciajn ekzamenojn de UEA kaj ILEI en la studsemajnfino de 7 – 9 marto en la Naturamika domo De Krikkenhaar en Bornerbroek apud Almelo. En kunsido kun la Estraro de ESPERANTO NEDERLAND dum la Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA leviĝis la ideo ebligi al ekzamenotoj (kaj ceteraj interesitoj) daŭrigon de la trejnado.

La 12-an de januaro ni kunvenos en la Cseh-domo de Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, Hago, atingebla per tramlinio 9 el la Centra Stacio de Hago en direkto al Scheveningen. Ni komencos je la 10h30. Se ankoraŭ eble, bv. informi Atilio Orellana Rojas pri via partopreno: tel. 070-3556677
aŭ rete: <iei100@tiscali.nl>.

## FAULHABER ĈE LA NAJBAROJ

Eble vi bezonas klarigon pri tiu stranga titolo.

Faulhaber-semajnfinoj estis kunvenoj kiujn organizis FLE kaj poste ESPERANTO NEDERLAND dum multaj jaroj, kun eduka kaj krome amuza programo. Dum la lastaj jaroj ĉiam malpli da partoprenantoj venis en la aŭtuno al la konferencejo Mennorode, kiu per siaj ĉiam pli altaj prezoj ankaŭ siaflanke ne faciligis la partoprenadon. Necesis trovi alian formon, kaj niaj najbaroj, la germanaj esperantistoj en Münster, faris tre bonvenan proponon: komunan festadon de jubileo. Antaŭ 100 jaroj Esperanto aperis en tiu urbo, kiu poste multe kontribuis al la florado de Esperanto en Germanujo. Rezulte do, Kultura semajnfino "Esperanto inter najbaroj" gastigis 81 esperantistojn de la 19-a ĝis la 21-a de oktobro 2007 en la urbeto Nordwalde apud Münster. El ili 37 estis nederlandanoj - grandparte tiuj kiuj kutime partoprenadis la antaŭajn Faulhaber-semajnfinojn.

Ili tuj sentis sin hejme en la Junulara klerigejo, kiu nur malmulte malsuperis la lukson kaj komforton de Mennorode. Organiza komitato de ne malpli ol 14 germanaj kaj nederlandaj esperantistoj perfekte preparis ĉion ĝis la plej eta detalo. Interalie 16-paĝa "kongresa libro" troviĝis en la dokumentujo por ĉiu partoprenanto.

La vendredan programon malfermis s-ino Hedwig Fischer, prezidanto de Esperanto-Societo Monastera, per bonvenigaj vortoj, kiujn tuj respondis la prezidantino de ESPERANTO NEDERLAND, Ans Bakker-ten Hagen. D-ro Rudolf Fischer tiam kondukis nin al la pratempo montrante fotojn ekde la 22-a de oktobro 1907. Tiam, antaŭ precize unu jarcento kelkaj gimnazianoj fondis Junularan Esperanto-Klubon. Estis granda bonŝanco retrovi tiun albumon, kiun kompilis la tiama prezidanto de la klubo, Otto Marquard. Trafoliumante nun kun ni la albumon, d-ro Fischer devis plurfoje mencii ke la junuloj kiuj tiam aktivis por Esperanto, finis sian junan vivon post nemultaj jaroj en la milito 1914-1918.











Post ĉi tiu retrorigardo al junulara fervoro sekvis kontrasto kaj samtempe similaĵo: du junaj muzikistoj, Gunnar Fischer kaj Sebastian Hoffmann, kantis en Esperanto pop-stile. Ilia granda entuziasmo instigis la publikon al samentuziasmaj reagoj.

La matenon de sabato du eminentuloj prezentis prelegojn: d-ro Ziko van Dijk ĵonglis per historiaj faktoj kaj epizodoj por reliefigi la 30-jaran militon kiu finiĝis per packontrakto elnegocita kaj fine subskribita en Münster en la jaro 1648. Tiu packontrakto finis ankaŭ la militon de la nederlandaj ribeluloj kontraŭ la hispana reĝo. La norda parto tiam fariĝis sendependa respubliko - kiu evoluis al la lando kie ni nun vivas.

Tute alispeca estis la dua prezentaĵo. Ed Borsboom ridigis la auskultantojn montrante kiel arbitra estas la pasporto. Tio estas memorinda ĝuste nun, kiam naciemaj aŭ naciistaj politikistoj postulas ke nederlandano havu nur unu pasporton. Iliajn argumentojn la preleganto efike subfosis.

Posttagmeze la urbo Münster montris al ni siajn trezorojn. La dua mondmilito detruis multon, sed kun granda zorgo la rekonstruado fidele sekvis la originalon. Loka esperantistino rakontis ke jam en 1948, tri jarojn post la militfino, la Lamberta preĝejo estis rekonstruita per donacoj de la civitanoj.

La amuza programo atingis sian klimakson en la sabata vespero, kiam folklora vira kanthoro prezentis multajn kantojn en la regiona lingvo kaj eĉ plurajn en Esperanto. En la dimanĉmateno Nora Caragea traflugis kun ni kelkajn librojn kiujn ŝi mem tradukis. Per kelkaj vortoj ŝi enkondukis ĉiun libron kaj citis fragmenteton aparte trafan. Ŝia gvidado daŭris tro mallonge. Sed venis la horo por adiaŭo.

Pluvis ekstere por substreki tiun etoson. Ĉiuj kunlaborantoj ricevis Esperanto-tulipojn. Multaj dankoj kaj aplaŭdoj direktiĝis al la gastiga skipo, sed ni ne forgesu ke ankaŭ Els van Dijk, Ineke Emmelkamp kaj Els ten Hagen dum unu jaro okupiĝis pri preparado de tiu ĉi Kultura Semajnfino. Dankon al ili!

P.S.: Oni jam parolas pri nova renkontiĝo en februaro 2011, kiam Esperanto-Societo Monastera festos ke ĝi estis fondita antaŭ 100 jaroj. Se vi jam havas notlibron pri tiu jaro, nepre notu la daton.

Hans Bakker

Ĉe la bildoj:

1) Hedwig kaj Rudolf Fischer, la organizintoj.

2) La koruso kantis en “platdeutsch”, la “platdiĉa” kaj ankaŭ dufoje en Esperanto.

3) Ed Borsboom tre brile prezentis la sciigon ke inter la posedo de unu aŭ pli da pasportoj kaj lojaleco kaj fideleco ne estas iu rilato.

4) En Münster ekzistas urbaj mapoj en bronzo, uzeblaj por blinduloj - se oni almenaŭ ne frakasas botelojn sur ili...

5) Por ĉiu kiu kontribuis Els van Dijk kunportis donaceton en la kapuĉo de sia jako...

## NOVAJ SCIIGOJ PRI LA STUDSEMAJNFINOJ.



La studsemajnfino en Vlaardingen en novembro estis tre agrabla. Malgraŭ la malmultaj partoprenantoj (nur 19) ni povas diri ke la evento estis sukcesa. Venis multe da novaj homoj, kaj ofte gejunuloj.



Sufiĉis por tiu kvanto da lernantoj la tri instruistoj, kiujn mi kun peno povis kolekti. Mi dankas al Rob Moerbeek, Bert de Wit kaj Wil van Ganswijk ke ili denove estis pretaj instrui.

La grupo de Bert okupis sin per nova tasko: Oni tradukis la nederlandajn tekstojn pri promen-itineroj tra Roterdamo, por uzado dum la Kongreso venontjare. Kelkaj partoprenintoj eĉ daŭrigos tiun utilan laboron hejme. La partopreno de unu hispana kaj du germanaj lernantoj aldonis al la studsemajnfino grandan valoron: oni eĉ dum la vesperoj komprenis la gravecon de la uzado de Esperanto en la interparoladoj. Dank' al la Esperanto-ludoj la etoso estis bona kaj gajiga. Ankaŭ nun ceestis denove sufiĉe da kantemuloj kiuj volis kontribui al la intimeco.

La kotizo de partopreno is nun pli-malpli kovris la kostojn de la studsemajnfinoj, sed la luprezoj de la NIVON-domoj venontjare grave alti os. Tial ESPERANTO NEDERLAND decidis altigi la kotizojn ekde la venonta semajnfino en marto.

**Nova kotiz-sistemo:**
Nova estas la diferenco de la ali prezoj de membroj kaj ne-membroj de ESPERANTO NEDERLAND.
La detaloj de la marta semajnfino estas jenaj:
**Datoj:** la 7-a is la 9-a de marto 2008.
**Loko:** NIVON-domo Krikkenhaar, Krikkenhaar 11, 7627 PA Bornerbroek.
**Kostoj:** Membroj de EN: € 55. Ne-membroj: € 65.
Antaŭpagenda estas: membroj: € 35, kaj ne-membroj: € 45. La restantan sumon de € 20 oni povas pagi surloke.
La ali adreso estas : Juri Smolders, Warmoesstraat 7, 1521 CH Wormerveer.
**Retadreso:** <studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>.
**Eblas aliĝi rete:** <www.esperanto-info.nl> .
**Por informoj oni povas ankaŭ telefoni al la subskribinto:** Marijke lathouwers, 0223-643781.
**Adreso**: Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder.
**Retadreso**:< lj.lathouwers@ quicknet .nl>

## EKZERCADO POR EKZAMENOJ

Dum la studsemajnfino (en marto) estos eblo ekzerci sin por la ekzamenoj de ILEI kaj UEA. En Roterdamo dum la UK okazos kiel kutime la diversnivelaj ekzamenoj. Kiu volas partopreni ilin, havos bonan ŝancon praktiki dum la studsemajnfino. Tiuj ekzercoj estas ankaŭ farendaj por tiuj kiuj ne volas partopreni en la oficialaj ekzamenoj, sed tamen volas mezuri sian scion pri Esperanto.

## SUBITA ŜANĜIĜO...

Kun tiu titolo vi trovis en paĝo 11 de la antaŭa numero instigon por mem kompletigi rakonton. Malfeliĉe neniu kontribuo atingis la redakcion. Tial: jen mia propra rakonto.
Kaj sub ĝi: ni denove petas vian aktivan kunlaboron.

## SUBITA ŜANĜIĜO...

Trankvile pasis mia vivo, sen tro da zorgoj.En bela tago mi agrable sidis en mia ĝardeno. Tiam junulo venis kaj salutis per la vortoj: “Ha, feliĉe mi trovis vin...”

Post tio mia vivo tute ŝanĝiĝis.

Montriĝis ke li estas oficisto de notario. Jen tio, kion li rakontis:

Kiam Jakob Hammer ĉirkaŭ 1800 elmigris el la graflando Nassau en Germanio al Nederlando, por komerci sur la insulo Tekselo, tie postrestis liaj fratoj Melle kaj Siborn. Ĉiam la parencaro tie loĝis, sed la familioj neniam estis grandaj, same kiel la Hammer-familioj en Nederlando. Kaj antaŭ kvin jaroj en Germanio eĉ mortis la lasta membro de tiu familio en la regiono de Westerwald. Tamen, montriĝis ke ili fakte estas la heredintoj de la kastelo Hammerstein, sur roko, pli ol cent metrojn alta, apud la samnoma urbeto, proksime de Rüdesheim. Kaj ekde de tiam, ni serĉis vin, kun viaj infanoj la lastajn membrojn de la familio.

Restas al mi la tasko inviti vin tien, por transdoni al vi la rajtojn kiujn vi havas. Kaj ankaŭ ni volas inviti vin, ke vi akceptu la organizadon, kiu celas restaŭri la restaĵojn de la kastelo....

Tial karaj legantoj, mi nun salutas vin. Ekde la 30-a de februaro mi akceptos la estradon de la kastelo kaj de la koncerna organizaĵo, transloĝiĝos al la urbeto Hammerstein kaj do forlasos la nederlandan Esperanto-movadon... Ricevu nun la korajn salutoj de mi, Ko, grafo de Hammerstein.

**Kaj nun: jen la nova tasko.**
Kompletigu la rakonton de kiu la unuaj frazoj estas sube.
Ni volonte publikigos la plej belajn rakontojn en nia revuo.
Aŭ: ĉiu membro de via klubo verku daŭrigon kaj rakontu ĝin dum klubkunveno. Tiel vi ekzercas la lingvon kaj havos amuzan kunvenon.

## REVENANTA PASINTECO

“Ĉu vi memoras mian nomon? Jam estas antaŭ jardekoj kiam ni kune vizitis la lernejon. Mi esperas ke vi akceptos la inviton por viziti min, ĉar mi havas kelkajn gravajn aferojn kiujn mi volas priparoli kun vi...”. Jen la teksto de letero kiu memorigis min pri mia juneco.

## ĈIĈERONO en ESPERANTUJO

**Redakcio Ko Hammer, 10 dec.2007**

Regule vi trovos ĉi tiun rubrikon ĉi tie. Ni indikas la redaktoron kaj la daton en kiu la informoj estas kontrolitaj.
Se vi opinias, ke io mankas, aŭ ke okazis eraro, bonvolu tuj averti nin, por ke la informoj estu kiel eble plej precizaj.
Fakte ni urĝe bezonas specialan redaktoron, kiu prizorgas ĉi tiun rubrikon....

---

## ESPERANTO - NEDERLAND

ESTRARO: Ans J. Bakker-ten Hagen (2008) prezidanto, Hans Bakker (2008) membro, J. Hoobroeckx-Dooren (2009) membro, Alfonso Pijnacker (2009), sekretario, Els ten Hagen-Renses (2010) kasisto, vakas (2010) membro.

**KOTIZO**
EUR 27,50 inkl. Fen-X, por samhejmano EUR 8,-. Por NEJ-membro inkl. Fen-X EUR 13,75, por samhejmano EUR 4.-. Subtenantoj: EUR 10,-. Fen-X estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15,-.

**MEMBROLISTO:**
Membro povas peti membroliston de la membro-administranto. La listo ne estas kompleta ĉar ne ĉiu deziras ke lia/ŝia nomo estu en ĝi.

**STATUTO, REGULARO:**
Membro sen interreto povas peti la statuton kaj la regularon de la sekretario.

**KOMISIONOJ ktp.:**
**Arbitracia komisiono:** R. Moerbeek (2008), K. Ruig (2009), A..Schouten-Buys (2010) / rezervuloj:
J.K. Hammer (2010), M. Van Oostendorp (2008).
**Kaskontrola komisiono:** J.Bosse-Sibbel, B. Engel, rezervuloj. A-S. de Vries kaj J.Tuinder.
**Faulhaber-Komisiono:** Els van Dijk-Kuperus,
Ineke Emmelkamp, Els ten Hagen, Remment Balk.
**Mabesoone-fonduso:** Subtenas specialajn agadojn de la sekcioj. Sub la asocia estraro.
**Ĵurio Verloren Van Themaat-premio:**
Wil van Ganswijk-Vlasblom, Kees Ruig, Silvia Pilger.
La ĵurio estas sendependa de la estraro.
Sekr.: Kees Ruig, Groesbeekseweg 53,
6581 BJ MALDEN. Tel. 024- 358 03 20.
**Retejo:** <http://www.esperanto-nederland.nl> //
Joke Hoobroeckx-Dooren, Bert Klijn, Ineke Emmelkamp, Marc van Oostendorp. Sendu viajn sciigojn al
<retejo@esperanto-nederland.nl>.

**REPREZENTANTOJ:**
UEA-komitatano-A: Ans J. Bakker-ten Hagen (2010)
UEA-ĉefdelegito: Kees Ruig (2007)
Eŭropa Esperanto-Unio: vakas

## FAKAJ SEKCIOJ

**KUNE**
Societo de kristanaj esperantistoj en Nederlando. KUNE estas landa sekcio de KELI.
E. Van Dijk-Kuperus, Koningsmantel 4, 2403 HZ ALPHEN a.d. RIJN. Tel. 0172- 420 222, <e.a.vandijk@hetnet.nl>.

**NGGE**
Nederlanda Grupo de Geinstruistoj pri Esperanto. NGGE estas landa sekcio de ILEI.
Sekr. Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, 2585 HW DEN HAAG. Tel. 070- 355 66 77,
<iei001@tiscali.nl>.

**PASPORTA SERVO**
Inf.: Juri Smolders, Tel. 075- 612 34 71,
<jsmol@wanadoo.nl>.

## NEDERLANDAJ ASOCIOJ

**NEJ - Nederlanda Esperanto-Junularo.**
**La estraro vakas.**
NEJ rajtas nuntempe uzi la poŝtan adreson de UEA,
do la adreso estas:
Nederlanda Esperanto-Junularo (NEJ), p/a Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam.
Ralph Schmeits, oficisto de la Centra Oficejo de UEA tie aktivas por NEJ.
<info@esperanto-jongeren.nl>.

**ANSE**
Asocio de Nederlandaj Sciencistoj Esperantistaj.
Sekr. Rob Keetlaer, Leemkuilen 273, 5683 BZ BEST. Tel. 0499- 39 37 61.

**NOSOBE**
Asocio por esperantistoj kun vid-handikapo.
Vi povas kontakti la societon per:
J. Wieringa, Julianalaan 8, 9801 BN Zuidhorn, aŭ:
Elise Lauwen, Salahutuplein 40, 5262 ZN Vught.
Tel. 073-521 66 07. <eliselauwen@hotmail.nl>.

**NEDERLANDA KATOLIKO**
Asocio de Katolikaj esperantistoj en Nederlando. Sekr. S.P. Smits. Lange Noordweg 3, 4453 RC ‘s-HEEREN-HOEK. Tel. 0113-35 14 56. <spsmits@hotmail.com>

**INTERNACIAJ CENTROJ en NEDERLANDO**
Universala Esperanto-Asocio, Nw.Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Tel. 010-436 10 44, <uea@inter.nl.net>.
Biblioteko Hodler: ĉe UEA
Internacia Esperanto-Instituto, IEI, Riouwstraat 172, 2585 HW Den Haag. Tel. 070-355 66 77,
<iei001@tiscali.nl>.

**INFORMILOJ**
Por informaj kampanjoj la asocio povas havigi al vi diversajn materialojn. Afiŝoj, glumarkoj, faldfolioj ktp.
Vi kontaktu kun Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12,
9715 RW GRONINGEN, Tel. kaj fakso: 050- 57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-nederland.nl>.
Informoj pri Esperanto: <www.esperanto-info.nl>.

